# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

n-ro 017
julio 2009



Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007

ISSN 1647-3353


# Landnomoj

en la ĉefartikolo

**Trapasante la Taĵon...**
fotoraporteto sur paĝo 24

# *LK-Katalogo*



## La Karavelo (2007/2008)

✯ N-roj 1-12 en 2 binditaj libroj
✯ A4 – 288 paĝoj – grizaj bildoj
✯ Kunlaboras Gerrit Berveling, Geraldo Mattos, Valentin Melnikov, Imre Szabó, Paulo Sérgio Viana kaj multaj aliaj.

45 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 01

## La Karavelo en DVD (2007/2008)




✯ N-roj 1-12 en unu pdf
✯ Unu printebla revuo: la 12-a
✯ Ebleco kopii kaj glui tekstojn
✯ Serĉo-facileco
✯ Legebla per komputilo
✯ Personigita versio kun individua pasvorto

35 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 02



## Rakontoj por ĉiuj aĝoj

*Luiza Carol*

✯ A5 – 166 paĝoj
✯ 26 bildoj de Luch Ofer
✯ Belaj rakontoj por ĉiuj aĝoj

16 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 04




## Zamenhof
## Um Cidadão do Mundo

*Djalma Pessata*

✯ Língua: português do Brasil
✯ Cerca de 60 minutos
✯ DVD com documentário sobre a vida de Zamenhof

15 euros mais portes de envio
encomende a: lakaravelo@gmail.com

kodo 03

### Kiel aĉeti al La Karavelo?

**1.** Plenigu la mendilon, kiun vi trovos en:
**http://www.esperantopt.com/lk_katalogo.html**

**2.** Pagu per unu el la sistemoj menciitaj en la mendilo, ne forgesante aldoni la sendo-kostojn.

**3.** Sendu la mendilon kaj la pag-pruvilon al **lakaravelo@gmail.com**

**4.** Atendu la aĉetitaĵojn en via adreso.

**Noto:** La varoj nur estos ekspedataj post kiam la pago estos efektivigita.

**5.** Se vi havos dubojn, mesaĝu al:
**lakaravelo@gmail.com**
aŭ telefonu al la poŝtelefono: **(+351) 960 13 15 15**.

### Kiel pagi al La Karavelo?

**1.** Pere de UEA-konto. Kontaktu la UEA-peranton en via lando. Li helpos vin fari tion, kaj sen kromaj kostoj. La UEA-konto de La Karavelo estas **jmqs-l**.

**2.** Pere de *Western Union*: en poŝtejo, en banko aŭ en oficejo de *Western Union*.

**3.** Pere de banka monĝiro: el via bankkonto al la bankkonto menciita en la mendilo.

### Specialaj kondiĉoj por asocioj:

Asocioj aŭ homgrupoj aĉetantaj kvin samspecajn varojn ricevos unu kroman varon senpage. Tiu kroma varo konstituas la makleraĵon de la asocio.

## Esperanto em 30 horas

*João José Santos*




✯ A5 – 300 páginas – ilustrado
✯ Manual com 25 lições
✯ Guia Gramatical ✯ Anexos
✯ Vocabulário Esper.-Português
✯ Vocabulário Portug.-Esperanto

25 euros mais portes de envio
encomende a: lakaravelo@gmail.com

kodo 05

### Estiĝu LK-peranto!

La Karavelo kreas reton de enlandaj LK-perantoj, se eble en ĉiuj landoj. Skribu al lakaravelo@gmail.com por kandidatiĝo. Temas pri komerca funkcio, farata pro plezuro kunlabori en la LK-stabo. LK-peranto ricevas etan makleraĵon de 5%. La LK-perantoj devas havi fortan deziron kaj energion disvastigi, vendi kaj sendi la varojn de La Karavelo, devas esti nepre honestaj kaj organizemaj, kaj kapabli flue komunikiĝi en esperanto.

# LK-Regularo

**Ĝeneralaĵoj:** La Karavelo (LK) estas literatura esperanto-revuo. Ĉiuj LK-kunlaborantoj kunlaboras kun LK en sistemo de amika rilato, do sen monaj profitoj, kun minimumaj makleraĵoj. La agado de LK kaj ĝia rilato kun la kunlaborantoj, kaj kun aliaj homoj kaj organizoj, gvidiĝas de ĉi tiu dokumento, kiu ŝanĝiĝos ĉiam, kiam necese, kaj kiu validas post publikigo en numero de la LK-revuo, sen alia informo. La kontakto inter la kunlaborantoj de LK efektiviĝas pere de retaj mesaĝoj. Ĉiu kunlaboranto devas aparteni al la diskutgrupo de LK, prestiĝi la LK-revuon, aliajn LK-editaĵojn kaj strebi al kompetenta rego de nia lingvo esperanto.

**Verkistoj:** Kunlaboras kun LK nekonstantaj verkistoj kaj konstantaj verkistoj. Konstanta verkisto estas invitata de LK por tio, kaj li devas jare publikigi minimume sep artikolojn en LK. Ĉi tiuj rajtas ricevi senpage la jaran paperan version de LK, kiam kaj se ĝi aperos. Se ne eldoniĝos papera versio, ĉiu kunlaboranto rajtas ricevi la DVD-version. La verkistoj devas liveri al la redaktejo de LK siajn verkojn por publikigo laŭ la jenaj reguloj: **a)** La verkisto liveras la verkon al la LK-redaktisto, tajpitan sur la ŝablono nomita LK_shablono_por_verki.doc, kiu estas elŝutebla el la retejo de LK. **b)** La tekstoj estu en formato .odt aŭ .doc. **c)** La verkisto bv. venigu kune kun sia artikolo bonkvalitajn bildojn en .jpg por ilustri ĝin. **ĉ)** La tekstoj devas esti nepre redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. Por tio, LK disponebligas la programeton *Ek* en sia retejo. **d)** Kun la unua kunlaboro, bv. la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por sin prezenti al la legontoj. **e)** La verkistoj kiuj komencas nun kunlabori kun LK, legu la antaŭajn numerojn por agordi sian laboron laŭ la etoso de la revuo. LK respektas la stilon de ĉiu verkisto. **La verkisto devas revizii sian propran tekston**, kiun la LK-stabon ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉi-afere la principo de La Karavelo estas: **la leganto legos kion la verkisto verkis.** Antaŭ ol la publikigo de ĉiu numero de LK, ĉiuj verkistoj ricevas retan ekzempleron de tiu numero, kiu estas nomata *Revizienda Versio 2* (RV_2) (ekz.: LK_10_RV_2.pdf). La verkisto havas minimume 24 horojn por legi sian propran verkon lastfoje antaŭ ol la publikigo. Se la verkisto ne reagos al la sendo de RV_2, tio signifas ke implicite li aprobis sian verkon por publikigo kun la modifoj faritaj de la LK-stabo. Do, se la verkisto ne aprobas iun modifon, nepre li devas mesaĝi al la redaktisto por proponi ŝanĝojn. Se ne estos interkonsento inter la verkisto kaj la redaktisto, rilate al la modifoj proponitaj en RV_2, LK ne publikigos tiun tekston.

**Aŭtorrajtoj:** La verkistoj atentu la aŭtorrajtojn, ĉar pri iu damaĝo rilatanta tiun aferon, responsas nur la aŭtoro de la artikolo. Nepre oni venigu la skribitan rajtigilon al la redakteja adreso de LK. Afabla aŭtoro, kiu permesas al la LK-verkisto publikigi la verkon, havas familianojn, kiuj, post la morto de la afabla aŭtoro, eble jure dubos pri la afableco de sia familiano, kaj povas justice procesi kontraŭ la LK-verkisto. Nur la skribita permesilo en la adresa redaktejo de LK donas al ni la garantion, ke ne aperos problemoj kaŭzeblaj de bonaj intencoj. Manke de tio, estas preferinde traduki el tiuj aŭtoroj, kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj. Oni atentu, ke ankaŭ la fotoj havas aŭtorrajtojn. Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al La Karavelo la tutan rajton publikigi tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere, laŭvole de la direktejo de LK. Ĉiuj aŭtorrajtoj apartenas al LK, se alia interkonsento ne estis okazinta inter la verkisto/tradukisto kaj la LK-direktisto. La Karavelo ne estas devigata akcepti iun ajn verkon, kunlaboron aŭ kunlaboranton.

**Reviziistoj:** La Karavelo bezonas kelkajn reviziistojn por siaj diversaj sekcioj, ene de la revuo kaj en ties aliaj eldonoj, kaj podofaj (en formato PDF) kaj paperaj. Estas dezirinde, ke tiuj reviziistoj estu kompetentaj en la regado de esperanto kaj de literaturo ĝenerale. Krome, ili devas esti variaj inter si, laŭ la denaska lingvo, aĝo, sekso, nacieco, profesio k.a. Jen ĉi tie la ĝeneralaj bazoj, sur kiuj fariĝas la revizia laboro en La Karavelo: LK ne serĉas samniveligon de lingva stilo inter siaj aŭtoroj, nek inter la diversaj verkoj de la sama aŭtoro. LK respektas la individuan stilon de ĉiu aŭtoro kaj de ĉiu verko. Ene de la sama verko, devas ekzisti kongrueco. Do, se la aŭtoro, ekzemple, skribas la nomon de nia lingvo jen majuskle jen minuskle, la reviziisto devas modifi por unu el la formoj. Okaze de RV_2, la aŭtoro aprobos aŭ malaprobos tiujn kaj aliajn eventualajn modifojn. PIV estas vidata de LK kiel la ĉefa vortara gvidilo. Al LK ne interesas, ĉu la vorto estas fundamenta, oficiala aŭ ne. Gravas ĉu ĝi aperas en PIV, ĉu ĝi estas internacie komprenata, ĉu la neologismo estas utila, kaj ĉu la vorto, kvankam piva aŭ eĉ fundamenta, estas dezirata en nia lingvo, pro ĝia longo, pro konfuzo kun paronimo aŭ sinonimo, ktp. Sintakse LK akceptas iom da stila varieco, kondiĉe ke la sintakso ne tro foriĝu de la esperanta normo, ĝenerale akceptata de la esperanta tradicio kaj de la nuntempa esperantistaro. Nepre, oni ne forgesu, ke LK publikigas la verkon skribitan de la aŭtoro, kun minimumaj modifoj, se eble. Se la verko aperas tro stranga al la reviziisto, ĉi tiu devas komuniki tion al la redaktisto, kiu proponos al la aŭtoro la necesan reviziadon. La intenco de la reviziado ne estas la reskribo de la verko, sed nur la korektado de eraroj ne antaŭe viditaj de la aŭtoro. Poezion oni apenaŭ revizias, sed oni devas peti klarigon al la aŭtoro, se la poemo ne estas komprenebla post du aŭ tri legadoj. Bona reviziisto devas eniri la etoson de la verko kaj proponi ŝanĝojn laŭ la spirito de la teksto kaj laŭ la stilo de la aŭtoro. La reviziado ne sin transformu en bazlerneja korektado, kiu ŝtelus tro da tempo al la reviziisto kaj al la redaktisto.

**Anoncoj:** Jara prezo: 200€ - Grandeco: 8 cm X 5 cm – Ĝi aperos en 10 pdf-numeroj, kiuj estas libere elŝuteblaj. Ekzemplo:

# La Karavelo n-ro 017 julio 2009





**La Barko:** La artikoloj enhavantaj la apudan bildon estas la plej facilaj por komencantoj. Uzu ilin por plibonigi vian lingvonivelon aŭ tiun de viaj lernantoj. La vortoj de la artikoloj enbarkigitaj nur estos klarigitaj, se ili ne aperos en la Reta Vortaro: http://www.reta-vortaro.de/revo/

**Responso:** Pri ĉiu artikolo, origina aŭ tradukita, ties gramatiko, enhavo, stilo kaj vortprovizo responsas la koncerna aŭtoro.

**Al blindaj homoj:** Kunlaboru por plibonigi la legadon de *La Karavelo* far blindaj homoj. La LK-retejo enhavas paĝon por portugallingvaj blinduloj interesiĝantaj pri esperanto en: http://www.esperantopt.com/cegos.html

**Uzado de tekstoj aŭ ties tradukoj el La Karavelo:** Nur post skribita permeso de la LK-direktisto, sen ŝanĝoj kaj indikante la fonton: Ekz.: «El la revuo *La Karavelo*, n-ro 9». Sendu kopion al LK.

**Kunlaborantoj:** La Karavelo bezonas kunlaborantojn en multaj fakoj. Se vi aprezas nian revuon kaj eldonaĵojn, skribu al LK, por kunlaborado en la LK-stabo.

## Kolofono


***Konstantaj verkistoj...***

*Djalma Pessata*
*Eduardo Novembro*
*Edward Jaśkiewicz*
*Francisco Wechsler*
*Geraldo Mattos*
*Gerrit Berveling*
*Imre Szabó*
*Irina Mironova*
*João José Santos*
*Leo De Cooman*
*Luiza Carol*
*Nikolaj Neĉaev*
*Paulo Sérgio Viana*
*Roberto Ribeiro*
*Tibor J. Szabadi*
*Valentin Melnikov*

***Direktas, redaktas, kompostas***
*João José Santos*
***Reviziistoj***
*Kurt Fischer*
*Luiza Carol - pri La Barko*
*Valentin Melnikov*



***Telefono*** (+351) 268 919 000
***PoŝTel.*** (+351) 960 13 15 15
lakaravelo@gmail.com
www.lakaravelo.com

***Adreso***
*La Karavelo*
*Dr. João José Santos*
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


***Recenzeblaj libroj***
estu sendotaj al la supra adreso.




*Karavelo*

www.lakaravelo.com

**ISSN 1647-3353**

*el la redaktejo...*



***João José SANTOS***

joaojosesantos@gmail.com

# *Landnomoj*

## utopia propono por praktika solvo

### Enkonduko: tiel statas la afero

Surbaze de diskuteblaj nocioj pri gentosenco, Zamenhofo kreis sistemon de landnomado, kiu portis hepatajn problemojn al ĉiuj generacioj de esperantistoj.

La konata duopa sistemo estas daŭre uzata de la esperantistoj, kun kelkaj ŝanĝoj kaj malkonsentoj pri kelkaj landnomoj. La nomoj de preskaŭ ĉiuj antikvaj landoj (ne ĉiuj) estas formitaj el la gentnomo (portugal-o-j > Portugal-i-o), dum la nomoj de la novaj landoj estas land-radikoj, el kiuj oni formas la gentnomon (Brazil-o > brazil-an-oj). Tiu duopa sistemo, unuflanke malfaciligas la lernadon de la landnomoj, kaj aliflanke estas diskriminacia sistemo, kiu taksas kelkajn popolojn kiel gentajn kaj aliajn kiel negentajn. Eĉ se estus necese fari tian distingon por nomi la landojn kaj la gentojn, tio postulus senfinan sciencan studon.

La sekvo de ĉi tiu situacio estas diverstipaj diskutoj:

a) kelkaj esperantistoj bedaŭrinde elmontras diskriminaciajn teniĝojn;

b) en kelkaj landoj, la esperantistoj jam postulis alinomadon de sia lando;

c) kelkaj disvolvas teoriojn pri la afero, en kiuj intelektaj dandoj perdas kaj perdigas tempon kaj energion en la esperanto-movado;

ĉ) aliaj resurektigas jam mortintan batalon, en kiu ili levas la "glavojn sangon soifantaj" por detrui la malfidelulojn, kiuj kuraĝas uzi la sufikson -i- anstataŭ la puregan sufikson -uj-...

Dum la esperantistoj disputaĉas pri tiaj problemoj, ne trovante solvojn, esperanto krias al la surduloj petante disvastigantojn, instruistojn, organizantojn, verkistojn, ktp.

Kelkaj insistas pri la neceso fari distingojn inter "rusoj" kaj "rusujanoj", ne komprenantaj ke polo loĝanta en Rusio sin povas nomi simple "ruspolo", laŭ la aktuala sistemo de gent- kaj land- nomado.

Ioma traesplorado en Vikipedio donas al la esperantisto la necesan informon pri la kaosa situacio en kiun esperanto falis ĉiteme, kio entute kontrastas kun la simpleco, reguleco kaj facileco de nia lingvo:

http://eo.wikipedia.org/wiki/Landnomoj

http://eo.wikipedia.org/wiki/Listo_de_landnomoj

La artikoloj pri la afero multobliĝas, lasante la impreson, ke la solvado de la afero dependas de jaroj da esplorado, ke ĝi dependas de geniaj konoj pri ĉiuj landoj kaj popoloj kaj, en la fino, restas granda frustro tial, ke la afero estiĝas pli kaj pli komplika, kaj do pli kaj pli fora de la interesoj de la Internacia Lingvo, kiu devas esti facila por ĉiuj.

Respektindaj esperantaj entoj, kiel Akademio de Esperanto, UEA, PIV kaj Monato ne sekvas ekzakte la saman sistemon de landnomado. La Karavelo, fidela al sia principo de respekto al la stilo de la aŭtoroj, daŭre uzos la sistemon de la koncerna aŭtoro en ĉiu artikolo. Tamen, ĝia redaktisto ne povis ne lasi sian proponon pri ĉi tiu problemo: propono utopia, ne pro tio, ke ĝi ne povus esti facile aplikebla, sed pro tio, ke la nunaj esperantistoj ŝajnas preferi la diskutojn ol solvi la problemojn.

### La gento portugala

Jen kelkaj vortoj pri la portugaloj kiel gento. Portugalio estas unu el la plej antikvaj eŭropaj ŝtatoj, kaj la unua difinanta siajn landlimojn, en Eŭropo. Portugalio, kiel ŝtato, estas pli antikva ol Hispanio, kiu estis aro da diversaj regnoj ĝis la arigo de tiuj regnoj far la hispanaj katolikaj gereĝoj. En 1143 Portugalio ekekzistis kiel sendependa ŝtato. Ĝia historio eĉ komenciĝis multe pli frue. Ĉi tiu teritorio estis enloĝita jam almenaŭ de la neolitiko, kiel atestas la muraj desegnoj de Fozkoo (por.: Foz Côa). La romianoj malfacile venkis Viriaton (? - 139 a.K.), paŝtisto loĝinta en la landocentro, kiu arigis kaj organizis paŝtistojn kaj aliajn simplajn homojn el sia kelta tribo, la luzitanoj, kaj diversfoje venkis la romianojn. Oni ne rigore scias pri la origino de la luzitanoj. Supozeble, ili estis la portugaliaj indiĝenoj, venintaj el la neolitiko kaj miksitaj kun keltoj. Ni, portugaloj, pensas pri tiu ĉefo de paŝtistoj, kaj konsideras

Viriaton kiel nian prapatron. La kerno de la portugala popolo estas la romiana, kiu kuŝas sur la luzitana (kelta) subtavolo. Jam tiam la romianoj diris, ke ĉi tie vivas popolo, kiu ne sin bone gvidas, sed kiu ne permesas, ke aliaj popoloj ĝin gvidu. Sendube tiaj ecoj postrestis en la portugala popolo. Kun tiuj keltaj popoloj la romianoj miksiĝis formante la kernon de la portugala gento. Tre frue la portugala lingvo ekhavis siajn proprajn ecojn en la nordo de Portugalio kaj en Galegio. La sendependiĝo okazis (1143) kaj ĝi estis reprenata post la plej profundaj politikaj krizoj (1383-1385 kaj 1580-1640), ĉar la portugala popolo estas sendependa kaj havas proprajn trajtojn kun forta identeca sento. La kastilia reĝo Don Alfonso La Deka (1221-1284), la fama saĝa poeto-reĝo, kutimis verki poemojn en la portugala, ĉar laŭ li kaj laŭ la tiatempaj iberiaj poetoj, la portugala estis speciale dolĉa kaj adekvata al poezio.

Sendubaj trajtoj de aparta gento ne mankas al la portugala popolo, kaj tion nur ne vidas la ignorantoj, kiuj pensas, ke Portugalio estus hispana provinco.

## Loknomoj kaj la propono

En esperanto, kiel en la aliaj lingvoj, la vilaĝoj, la urboj, la regionoj, la montoj, la riveroj kaj ĉiuj lokoj havas siajn nomojn, kiuj estas propraj de ĉiu loko, ne formitaj el la rilataj an-vortoj. **Kial do la samo ne povas okazi al la landnomoj? Geografie lando estas loko, kiu devas havi sian nomon, sendepende de la popolo, kiu tie loĝas, kiu povas preni sian nomon el la nomo de la lando.** Tia estas la sistemo de Zamenhofo por la nomitaj "novaj landoj". Kial ne etendi ĝin al la tuta landnomado?

## Fundamento de la sistemo

Ĉi tiu sistempropono ne baziĝas sur feblaj nocioj pri gentosignifo kaj pri la determino, ĉu iu popolo estas aŭ ne estas gento. Ĝi baziĝas sur la simpla pretendo, ke ĉiuj landoj havu unuradikan sensufiksan nomon, kaj ankaŭ sur la nocio de civitaneco, kiu estas multe pli moderna, racia, justa kaj efika, ol la nocio pri gento. Por atesti pri la civitaneco de iu homo sufiĉas rigardi lian civitanan identigilon.

Sekve oni prezentas listeton kun kelkaj landnomoj, laŭ la sistemo nun proponata. Kompleta listo povos esti farata de aliaj, kaj ĝin La Karavelo publikigos, kiam iu serioze ĝin faros surbaze de racia studo. Jen do nur kelkaj ekzemploj:

| lando | civitano |
|---|---|
| Andoro | > andorano |
| Barato | > baratano |
| Brazilo | > brazilano |
| Brito | > britano |
| Ĉilio | > ĉiliano |
| Ĉino | > ĉinano |
| Franco | > francano |
| Hispano | > hispanano |
| Koreo | > koreano |
| Luksemburgo | > luksemburgano |
| Nederlando | > nederlandano |
| Novzelando | > novzelandano |
| Polando | > polandano |
| Portugalo | > portugalano |
| Ruso | > rusano |
| Sudafriko | > sudafrikano |
| Usono | > usonano |
| Vatikano | > vatikanano |

## Rezonebla kontraŭstaro

La plej respektinda kontraŭstaro al ĉi tiu sistemo estas, ke ĝi kontraŭas la esperantan tradicion, kaj ke do granda parto de nia literaturo restos kun kelkaj arkaismoj. Tamen, ĉu tio ne jam okazas pro la vortoj "Ĥinio", "Hindio", "Koreo" (kiel lando) kaj kelkaj aliaj? Ĉu ĉi tiu rompo en la tradicio ne portus facilecon, regulecon, justecon kaj finon de ĉi tiuj ciklaj disputoj? En lingviko tre malofte ekzistas perfektaj solvoj. Oni devas do elekti la plej bonan solvon, kiu ĉikaze estas rekonstrui la sistemon surbaze de la jam ekzistanta subsistemo, tiu de la "novaj landoj".

## Kaj do...

Ĉu ĉi tiu propono trovos sufiĉan nombron da sekvantoj por ke ĝi enradikiĝu? Supozeble ne. Ĉu ĝia propra aŭtoro ekuzos ĉi tiun sistemon? Certe ne, por eviti konfliktojn. Kial do ĝi aperas? Ĉar eble niaj idoj estos pli raciaj ol ni. Ω

# Mesaĝo - de Fernando PESOO

João José SANTOS
tradukis el la portugala





**TRIA PARTO**
**UNU**
**KVINA – LA VUALITO**

Kiu fekunda simbolo
venas en streba aŭroro?
En Morta Kruco de l' Mondo
estas la Vivo la Rozo [1].

Kiun plej sanktan simbolon
portas la tag' jam viditan?
Estas la Rozo, la Kristo
en Kruco, jen la Destino.

Kiun finfinan simbolon
montras la suno jam veka?
En Kruc' fatala kaj morta
la Rozon de l' Vualito. Ω

1 Helpos la komprenon de la poemo kelkaj nocioj pri Rozkrucismo. Esploru eken: http://eo.wikipedia.org/wiki/Rozkrucismo



# el *Iliado Latina* (anonima)

**Gerrit BERVELING**

**tradukis el la latina**

(3-a parto - sekvo el *La Karavelo n-ro 16*)

### la Trojaj herooj

Jam alnavigis la ŝipoj kaj jam la kamparon okupis,
Kiam Irisan sendis Patro Jov' al Priamo
Por lin informi, ke venis militi la fortaj Pelasgoj.
Tuj, senprokraste, laŭ patra ordon' ekkaptis armilojn
La Priamid' Hektor'. Li batalen la tutan viraron
Hasti ordonis, malfermis la pordojn, l' armeon elpelis.
Kasko brila pro oro la kapon junulan protektis
Ĉiuflanke al li, kaj la bruston kovris kiraso.
Ŝildo la livan brakon ornamis, lanco la dekstran
Kaj elstaris glavo ĉeflanke; samtempe sunbrile
Kovris kruringoj la altajn tibiojn: decis Hektoron!
Sekvis Pariso, aspekte pli bela, armile kuraĝa,
Kaŭzo de l' tuta milito, pere' por patrujo funesta,
Kaj Deifobo, Heleno kaj ankaŭ la frato Polito
Kaj Eneo la sankta, aŭtenta fil' de Venera,
Kaj Arĥeloĥ', Akamas' la feroca, la Antenoridoj;
Iris tie Glaŭko kun granda milita talento;
Same la nobla hero' Pandaro, fil' Likaona,
Kaj Amfio, Adrasto, Asio kaj same Pileo.
Iris jen Amfimaĥ' kaj Nasteso, ambaŭ famegaj,
Kaj grandanimaj estroj gigant' Epistrof' kaj Odio
Kaj la feroca Eŭfemo kaj aĝe notinda Pireĥmo,
Kiujn Mestles' kaj Antif' akompanis; kunis ĉe tiuj
Jen lertul' Hipotoo, kaj same Piro', Akamaso,
Arsinoidoj Ĥromi' kaj Enomo, ĉi batalistoj,
Ambaŭ en flora junaĝo; apudis ilin la granda
Jen Askanio, jen posteulo konata de Jovo
Sarpedono kaj famalande naskita Korojbo.
Sin defendis Neptuna Trojo sub tiuj ĉi estroj
Kaj ĝi venkus la ruzojn Danaajn, se Fat' tolerintus.



### Hektoro instigas Parison al batalo

Brilaarmile jam pretaj staris ambaŭ armeoj,
Kiam Paris', ĉi funesta flamo perea de Trojo,
Transaflanke subite jen Menelaon rimarkis
Kaj, kvazaŭ vidus serpenton, sin haste timeme retiris
Al l' amikar'. Post kiam Hektor' lin hontinde konfuza
Vidis en ega timtremo, li kriis: «Ho daŭra misfamo
Por la patrujo, ho honto por viaj prapatroj kaj gento,
Ĉu vi do fuĝas? Sed *tiam* vi tute kuraĝe la liton
Sciis konkeri de li, kies armojn *nun* vi evitas,
Batojn timante! Kie do via kuraĝ', kie restas
Via *iam* konata lerteco ĉe la turniroj?

Jen la okazo por montri la forton! Milite ne helpas
Korpa beleco: Marso bezonas harditajn soldatojn!
Vi, kompreneble, nur kuŝu amore, kaj dume batalojn
*Ni* plenumu, la sangon verŝante kontraŭ l' aliaj!
Estus pli juste, se *vin* atakus sentima Atrido
Per sia glavo, dum tuta popolo ĉu Greka ĉu Friga
Ĉesus batali por spekti ĉi tion. Fiksu turniron.
Vi reciproke ambaŭ batalu, decidu la glavo!»
Diris li. Kaj la hero', Priamido, mallonge respondis:
«Kial, ho frato, gloro patruja: min puŝi per vortoj
Tiel nejuste insultaj? Ĉar ho neniam edzino,
Nek luksaĵ' al mi iam gravis pli ol l' honoro:
Plene mi pretas kontraŭ ĉi viro la fortojn elprovi!
Sed nur se *ŝin* posedos venkint' kaj se paco fariĝos!»



**duelo inter Pariso kaj Menelao interrompita de Venera**

Tion raportas Hektor'; ĝin la Grekoj kun plaĉo akceptis.
Tuj oni vokas Priamon kaj sub religiaj formuloj
Oni fiksas traktaton. Ambaŭ popoloj disiris,
Ĉesis batali, kaj lasis la kampon plene libera.
Intertempe antaŭ la Troja arme' Aleksandro[1]
Bela avancis; per ŝild' kaj armiloj atenton li vekis.
Kontraŭ li Menelao stariĝis, en armoj similaj
Brila; kaj tiu diris minace: «Kun vi mi duelos
Kaj vi ne longe plu ĝuos de mia edzin' ĉar ŝi ploros
Baldaŭ pri via morto, kondiĉe ke Jovo min helpos.»
Diris li. Sturmis impete li kontraŭ ĉi malamikon.
Tiu per bato fortega repuŝis l' heroan atakon
Kaj hastapaŝe li retiriĝis kaj dedistance
Ĵetis la lancon ŝuŝuŝan, kiun l' Atrido evitis
Kaj siavice per lancoĵet' li trafintus la korpon
De l' rabisto Frigia, se ties larĝan bruston
Ne ŝirmkovrus sep-tavole kiraso el fero.
Sekvis tuje kriado; ambaŭ poste leviĝis
Fronte l' alian, kask' kaskon ektuŝis, plando piedon
Tretis, susuris ĉe ĉiu flank' glav' glavon fulmante;
Korp' kuntirita tegiĝis sub la brilaj armaĵoj.
Tute same pri blanka edzino batalas la fortaj
Taŭroj, kaj dume plenigas l' aeron per sia muĝado.
Longe per fero fidinda ambaŭ l' alian atakis,
Ĝis la Atrid', pri l' edzino rabita pensante, subite
Endanĝerigis la Trojan junulon. Dum akraglave
Tuj la falinton desupre li provas decide mortigi,
Ho ĉe la rando de l' kasko resalte forfalas de l' mano
Glav' lia tiom brilanta! Ekhurlas la Grekaj armeoj.
Tiam li des pli ekardis, kvankam glav' mane mankis,
Kaj kaptinte je l' kask' la junulon, lin planken faligis,
Trenis kun si al l' amikoj. Kaj se ne per nubo vidbara
Kovrus la viron Vener' kaj se sub la menton' la rimenon
Fortan – ĝin maldonante – ŝi ne scius malligi,
'stus por Pariso ĉi tago la lasta. La ore brilantan
Kaskon forŝiris al si Menela', furioze li ĵetis ĝin … [2]

---

[1] Alia nomo por Pariso.

[2] Kaj tie ni interrompas la tradukadon. Sekvas ankoraŭ kelkaj famaj eroj.

### renkontiĝo de Hektoro kun Andromaĥa kaj Astianakso



Petis tiam paroli kun Hektor’ Andromaĥa,
Lia fidela edzin’, kaj ĉebruste la etan infanon
Astianakso ŝi tenis; sed kiam l’ heroo la lipojn
Etajn deziris kisi, la bebo subite ektimis
Kaj al la brusto patrina turnis l’ okulojn timplenajn, –
Pro la kasko terura, la kresto svinganta, li fuĝis.
Kiam la bronzon de l’ kapo demetis la forta junulo,
Tuj la infanon per ambaŭ brakoj li povis ĉirkaŭi
Kaj manleve preĝante li diris: «Ho Patro plej alta[3],
Donu, ke ĉi, por kies fart’ mi petas la benon,
Ekde junaĝo povu imiti la virton de l’ patro.»

### tuj komenciĝas la batalo; Aĥilo restas flanke

Tion li diris. Batalon li serĉis post pordomalfermo.
Tuj lin sekvis Paris’. Alveninte en mez’ de l’ batalo,
Samamomente kuraĝe atakis grandega Hektoro
Kaj la Grekajn gvidantojn provokis per armoj venkemaj.
Sen tempoperd’ ekaperas jen la ruzega Ulikso[4]
Kaj kvazaŭ-fera Idomene’ kaj jen Meriono,
Fama devene, kaj kune la kruda Grekestro Atrido
Kaj la ambaŭ Ajaksoj kaj glora en famaj armaĵoj
Jen Eŭripil’ kaj Toaso, la filo de Andremono,
Kaj la hero’ kiu lezis per vund’ al Venera la manon
Triste; ĉar tenis sin for la Troja teroro Aĥilo[5]
Kiu la duran amon konsolis ĉe dolĉa la citro.

### provo ekbruligi la Grekan ŝiparon

Dume alflugas senlace la timo de l’ Grekoj, Hektoro:
Re retiriĝas al flot’ la kompleta arme’ Agamemna;[6]
La malamikojn de tie per lasta fort’ ĝi repelas.
Antaŭ la ŝipoj batal’: kvazaŭ-Marse Hektor’ violentas
Kaj li torĉojn postulas, la tutan floton bruligi
Planas. Ajaks’ ekstremaforte al tio rezistas,
Stare sur ŝipo unua, perŝilde li pelas la hidajn
Flamojn kaj sola defendas ĉi tiu milon da ŝipoj.
Jen unuflanke la Grekoj ĵetas akrajn lancegojn,
Aliaflanke Trojanoj torĉojn flamvomajn flugigas;
Laŭ la imponaj ŝultroj ŝvitad’ batalantojn priverŝas.
Ne plu eltenas senfare spekti Patroklo de l’ siaj
Tiun mortadon, subite vestite per armoj Aĥilaj
Eke li saltas, timigas per ŝajnident’[7] la Trojanojn.

---

3 Jovo.

4 Latina nomo por Odiseo.

5 Al Aĥilo oni forprenis la sklavinon Brizeida. Pro tio li paŭtis kaj rifuzis pli partopreni en la Troja milito; nur kiam lia plej amata amiko, Patroklo, vestita per la armaĵoj de Aĥilo, batalpereis, nur tiam Aĥilo denove pretos batali – por venki Hektoron kaj mem, laŭ-orakole, tuj poste perei...

6 Agamemno – alia formo por la nomo Agamemnono. En la Homera poezio alternado de la nom-formoj estas kutima.

7 Oni prenas lin por Aĥilo, kiun oni konsideras nevenkebla.

Kiuj nur ĵus konfuzadis Grekojn, plene kuraĝaj,
Nun timskuate fuĝas, – fuĝantojn minacas l' heroo
Kaj konfuzas, bravul'! – batalvice multajn li buĉas
Kaj Sarpedonon li falĉas per vundo ege vivriska.
Jen li ĉi tiujn vetkure preteras, jen la ceterajn,
Kaj militade furias, sub ŝajn' de l' timata Aĥilo.

**Aĥilo decidiĝas partopreni la batalon**

Dume kun trista aro da siaj amikoj la juna
Fil' de Nestor' la kadavron plorindan[8] kondukis tendaren.
Kiam l' horora novaĵo trafis l' orelojn Aĥilajn,
Ĉi malfeliĉa junul' ekpalis, la varmo lin lasis.
Tuj li lin kovris per vesto, de l' panjo teksita.
Kaj l' Eakido[9] lamentis pri l' fia mort' de l' amiko.
Unge li ŝiris la vangojn, per polvo la belajn buklojn
Plene li ĉifis, de l' brust' vireca la vestojn li tiris,
Etendiĝante sur korp' de l' amik' bataleje mortinta
Krudajn plendojn li ŝutis kaj multajn kisojn li donis.
Post kvietiĝo de l' plendo kaj kiam ekstagnis la larmoj:
«Ne senpune, Hektor'», li diris, «vi ĝojos la morton
De ĉi mia amiko: por mia ĉagren', perfortulo,
Grave vi pagos! Vestite en tiuj armaĵoj, pri kiuj
Nun venkint' vi fieras, verŝante la sangon vi mortos!»[10]
Poste, Furie pelate, haste stranden li kuris
Kaj petegis Tetisan[11] pri armoj fortegaj: la ondojn
Ŝi forlasis por tuj Vulkanon peti pri helpo.
En la brulaj fornegoj vekas la flamojn de Etno
La Forĝist'. Fortabate la flavan oron li venkas.
Baldaŭ jen li revenas kun armoj Die forĝitaj.
For do flugas Tetisa! Per ili sin granda Aĥilo
Vestas, la akran rigardon poste al ŝildo li turnas.



* * * * *

Sekvas priskribo pri plej buntaj skulptaĵoj, per kiuj Vulkano ornamis la ŝildon. Aĥilo venkas Hektoron, kaj baldaŭ poste mem batalpereas.

www.lakaravelo.com

---

[8] De Patroklo.

[9] Eako – avo de Aĥilo.

[10] Ĉe Homero plurfoje la venkinto de duelo deprenas de la mortigita kontraŭulo ties armaĵojn, sin vestas per tio kaj tiel daŭrigas batali.

[11] Tetisa – Diino mara, patrino de Aĥilo. Vulkano – Dio de la forĝistoj.



# Amazonia arkeologio

***Roberto da Silva RIBEIRO***



*La aŭtoro ekzamenas arkeologian ceramikaĵon.*

## 1 - Enkonduko

Amazonio estas preskaŭ mita regiono, sed la plejparto de mitoj estas eraroj aŭ mensogoj. Laŭ ĝenerala kaj tute erara ideo, kiun multaj personoj havas pri Amazonio, ĝi estas sovaĝa regiono preskaŭ ne tuŝita de homoj ĝis hodiaŭ. Oni mispensas, ke en tiu pluvarbaro, la grundo certe estas tiel koroda, ke ekcepte de la ŝtoniloj, nenio restis konservebla de la malmultaj indiĝenoj, kiuj tie vivis. Tiel, se tiuj mitoj estus veraj, oni eĉ ne povus paroli pri amazonia arkeologio, ĉar oni ne povas fari arkeologion pri senhoma regiono sen restaĵoj. Vere, komence, eĉ la arkeologoj pensis tiel. La unuaj sciencistoj pensis, ke maksimume oni trovus restaĵojn de Inkaaj influoj en la amazoniaj primitivuloj, eble iajn Inkaajn komercajn havenojn aŭ ion similan. Tamen, mitoj estas nur mitoj kaj eraroj estas eraroj. Amazonia arkeologio estas tre riĉa kaj mirinde fruktodona. Tie vivis grandaj kaj imponaj kulturoj tute sendependaj de la montara imperio, kvankam certe ili interkontaktis.




*Amazonio.*

## 2 - Kio estas Amazonio?

Amazonio estas basena regiono de Rivero Amazono, kiu okupas areon en ses landoj, kie estas granda ĝangalo. Tion diras la geografiaj libroj, sed al fremdulo estas tre malfacile fari al si ideon pri Amazonio [1]. Imagu arbaron tiel grandan kiel la kontinenta Usono aŭ duono de Eŭropo, tiel larĝa kiel Atlantika Oceano, densa, sen ŝoseoj, en kiu vivas ankoraŭ nekonataj bestoj, kie loĝas homoj, kiuj ankoraŭ ne konas okcidentulojn. Tio ĉi estas Amazonio. Sed Amazonio ankoraŭ havas du grandajn urbojn, Beleno kaj Manaŭso, kun pli ol unu miliono da loĝantoj, tiel grandaj kiel Munkeno aŭ Barcelono. Alie, en Amazonio ne estas nur pluvarbaro, sed ankaŭ savanoj, montaraj arbaroj, naturaj kampoj kaj agrokulturaj zonoj. Eĉ pluvarbaro ne estas unutipa, sed estas dekoj da malsamaj zonoj. Tiel, oni ne miru, ke krom jaguaro kaj simioj, ankaŭ vivas unu speco de urso en Amazonio. Tie vivas ankaŭ sovaĝaj ĉevaloj, krom piranjoj kaj aligatoroj. En la amazoniaj riveroj naĝas ankaŭ rajoj kaj delfenoj.

## 3 - Amazonio antaŭ ol la arkeologiaj eltrovoj

La unuaj eŭropanoj, kiuj vizitis Amazonion, estis hispanoj, ĉar komence, pro Traktato de Tordeziljo (1494) la tuta regiono apartenis al Hispanio. Komence, oni volis uzi la riveron Amazonon kiel vojon al Peruo, kiu tiutempe riĉigis la hispanajn reĝojn per arĝento, sed la vojo tra Karibo montriĝis pli taŭga. Amazonio restis neokupata, kaj la portugaloj ricevis la plej grandan parton de ĝi

1 La Amazonia arbaro okupas areon en ses sendependaj landoj kaj en la franca transmara departemento Gujano, kvankam la Amazonia baseno okupas areon nur en kvar el tiuj landoj. (RSR)

per la Traktato de Madrido, ŝanĝe de la agnosko de la hispana okupo de Filipinoj, kiu teorie estis portugala teritorio.

La unua hispana kapitano, kiu navigis tra Amazonio estis Francisco de Orellana, en 1540. Li skribis raporton, en mezepoka stilo [2], plenplena de mirindaĵoj, ĉefe pri grandegaj vilaĝoj kaj militemaj virinoj. Pro tio, la rivero gajnis la nomon "Rivero de Amazonoj". Oni ne kredis pri amazonoj, eĉ ne pri grandaj vilaĝoj, kiuj havus eĉ pli ol 10 mil loĝantojn, ĉefe ĉar kiam portugaloj alvenis al la regiono, ne trovis pli ol kelkajn indiĝenajn vilaĝetojn, certe pligrandaj ol la nuntempaj, sed ne mirinde grandaj aŭ tre evoluigitaj [3].

## 4 - Arkeologiaj trovoj

En la 19-a jarcento, sciencistoj sub protekto de la imperiestro Petro La Dua komencis arkeologiajn esplorojn en Brazilo. Ili trovis en Insulo Maraĝoo (Marajó), ĉe la enirejo de Amazonio, belegajn ceramikojn kaj ege grandajn terasojn. Ili ankaŭ trovis belegajn artfaritaĵojn ĉirkaŭ Beleno, ĉe Tapaĝoso (Tapajós). Poste, dum preskaŭ unu jarcento, oni ne laboris en la regiono, kaj la kulturoj de Maraĝoo kaj Tapaĝoso restis kiel misteroj.

Ĉirkaŭ 1968-78 estis usona projekto por ellaborado de provizora mapo de la amazoniaj prahistoriaj kulturoj. La ĉefa hipotezo de usonanoj estis, ke la kulturoj de Maraĝoo kaj Tapaĝoso estis periferia eĥoo de anda civilizo. Kvankam la trovoj ne apogis ĉi tiun hipotezon, tiu teamo neniam forgesis sian originan ideon. Nur post kreado de aŭtonoma nacia arkeologia skolo en Brazilo, tiuj teorioj ekfalis.

En 1977, la brazila geologo Ondemar Dias trovis, hazarde, artefaritajn montojn en Akreo (Acre), kiujn li nomis "geoglifojn", ĉar ili estas klare videblaj aviadile, kiel la desegnoj de Nazca, kvankam ili ne estis skribaĵoj, sed arkitekturaj strukturoj. Malgraŭ la malbona etimologio, nuntempe arkeologoj ankoraŭ uzas tiun nomon. Tiu trovo montris, ke evoluigita kulturo ekzistis ne nur ĉe Atlantiko, sed en la centro de Amazonio.

Iom post iom, novaj trovaĵoj montris ke, antaŭ kelkaj jarcentoj, la Amazonia Baseno similis al la prahistoria regiono de Nilo antaŭ la unuiĝo de Egipto. Pra-indiĝenoj eltrovis metodon por kemie fertiligi grandajn areojn apud la amazoniaj riveroj kaj kreis la "arkeologiajn nigrajn terojn" (ANT), aŭ, kiel la loka popolo nomas ĝis hodiaŭ "teroj de indiĝenoj". Tiuj nigraj teroj permesis "veran" agrokulturon, t.e., kultivado de rizo kaj maizo, kaj ne nur de manioko kaj aliaj nutre malriĉaj radikoj. La kultivado unue de rizo, poste de maizo, permesis la ekzistadon de grandaj vilaĝoj, preskaŭ urboj, kiel Orellana ilin vidis dum sia vojaĝo [4].

Tiuj grandaj vilaĝoj havis altkvalitan ceramikon, konstruis grandajn terajn bazojn al siaj kvartaloj kaj tombejoj, kvankam ili uzis, tre eble, lignajn domojn. Ĉi tio montras, ke ili havis kompleksan socian strukturon, ĉar tiaj faraĵoj bezonas specialistojn.

Alia grava nuntempa eltrovo de amazonia arkeologio estis megalitoj en nordo de Amapao. Oni trovis megalitan konstruaĵon eĉ kvar-metran kun astronomia poziciiĝo al la nordo de Amazonio ĉe rivero Kalsoeno (Calçoene). Tiuj lokoj taŭgis kiel tombejoj kaj deponejo de ceramiko, eble oferoj al mortintoj.

Oni ankaŭ trovis indicojn, ke la prapatroj de la nunaj ŝavantoj (Xavantes) plantis forstojn kun perfekte rektaj vojoj, kiuj atingis multajn kilometrojn formantaj stelforman reton. Oni pensas, ke parto de la nuna Amazonio, ĉefe la suda parto, en Matogroso kaj Akreo ne estas praarbaroj, sed devenas de antikvaj forstoj.

## 5 - Inkaa influo

La determinisma teorio diris, ke alte evoluigita kulturo ne eblas en tropikaj regionoj. Laŭ tiu skolo, amazonia klimato malhelpus akiron de manĝaĵo, ĉar estas malmultaj grandaj bestoj kaj nebonaj teroj por agrokulturo. Sekve, la unuaj arkeologoj pensis, ke kompleksaj ceramikoj trovitaj en Amazonio estis kreitaj sur Ando kaj

2 Ne devas mirigi iun ajn, ke la eŭropanoj raviĝis kaj revis, kiam ili alvenis al ekzotaj lokoj kiel la tiatempa Brazilo. La priskribo de la aktuala Amazonio, farita de Ribeiro en la paĝo 12, ankoraŭ nuntempe kapablas ravi la LK-redaktiston, portugalo kiu neniam estis en Brazilo. (JJS)

3 Ĉu Francisco de Orellana estus mensogulo? Ĉu la portugaloj estus blindaj? Plejcerte Francisco ne mensogis, kaj li rakontis kion li vidis. Ĉu eble la hispanoj etnocidis tiujn popolojn antaŭ ol la alveno de la portugaloj? (JJS)

4 Vidu noton 2. (JJS)

divastigitaj malsupren.

Certe estas influoj de inkaa kulturo en Amazonio. Oni scias, ke inkaoj sendis ambasadorojn al amazoniaj triboj, ĉefe en la nuna Peruo. Kiel ofte okazas, grandaj imperioj ŝatas rigardi siajn najbarojn kiel vasalojn, kvankam ili ne havas efektivan povon sur ili. Simbolo de vasaleco de amazoniaj triboj estis la kupra hakilo, kiun la tribestro ricevis de la inkaa ambasadoro. Kiam la unuaj hispanoj alvenis tien, tribestroj komprenis la novajn ferajn hakilojn kiel simbolon de nova imperio kaj facile akceptis vasalecon al la hispana reĝo. Ankaŭ maizo alvenis al Amazonio el Centrameriko tra Ando. Malgraŭ tio, jam ekzistis evoluigita ceramiko en Amazonio antaŭ 6 mil jaroj, antaŭ la apero de la inkaa kulturo.

## 6 - Konkludo

Grandaj kulturoj ekzistis en Amazonio inter la 4-a jarcento a.K. kaj la 15-a jarcento p. K. Ili aperis kaj fruktodonis preskaŭ sen ekstera influo, kaj malaperis ankaŭ preskaŭ sen ekstera kaŭzo. Oni kredas ke tiuj kulturoj ekdekadencis ĉirkaŭ la jaro 1400, cent jarojn antaŭ la alveno de eŭropanoj, kaj hispanoj vidis iliajn lastajn etapojn. Certe la eŭropa koloniigo helpis ilian definitivan malaperon. Ekzemple, kiam Markizo de Pombalo malpermesis la kultivon de rizo en Brazilo, la lastaj indiĝenaj amazoniaj agrokulturaj vilaĝoj malaperis [5]. Sekve, la apero, elvolviĝo kaj malapero de tiuj kulturoj estas mistero, aŭ science, granda arkeologia problemo. Ω



*Rivero Negro.*

5 Tamen, ili povus kultivi aliajn manĝaĵojn. Ĉu estus tiu la kaŭzo de la malapero de tiuj vilaĝoj? La aŭtoro asertas, kelkajn liniojn supre, ke "ili aperis kaj fruktodonis preskaŭ sen ekstera influo, kaj malaperis ankaŭ preskaŭ sen ekstera kaŭzo."
Plejcerte la aŭtoro plu regalos la LK-legantaron per aliaj artikoloj, per kiuj ĉiuj ni konstruos sian bildon pri ĉi tiuj interesegaj esploroj. (JJS)





# Makulu vin dike! [1]

**Machado de ASSIS**

**Francisco WECHSLER**

**tradukis el la portugala**

Unu vesperon, antaŭ multaj jaroj, mi promenis kun amiko sur la teraso de la Teatro Sankta Petro el Alkantaro [2]. Tio okazis inter la dua kaj la tria aktoj de la teatraĵo *La sentenco aŭ la ĵuritribunalo* [3]. Mi memoras nur la titolon, kaj ĝuste la titolo igis nin paroli pri la institucio kaj pri fakto, kiun mi neniam forgesis.

— Mi ĉiam malaprobis ĵurion,— diris tiu amiko, ne pro la institucio mem, kiu estas liberala, sed ĉar mi malemas iun kondamni, kaj ankaŭ pro la evangelia ordono: "Ne juĝu, por ke vi ne estu juĝataj" [4]. Malgraŭe, mi deĵoris en ĵurio dufoje. La tribunalo situis tiam ĉe la antikva Arestejo, ĉe la fino de la Strato de l' Oraĵistoj kaj komenco de la Deklivo de l' Sankta Koncipo [5].

Tiom mi skrupulis, ke mi absolvis ĉiujn akuzatojn, krom du. Efektive, la krimoj ne ŝajnis al mi pruvitaj; unu aŭ du procesoj estis tre fuŝe faritaj. La unua juĝato, kiun mi kondamnis, estis senmakula junulo, akuzata pri ŝtelo, per falsita dokumento, de certa monsumo, ne granda, vere eta. Li ne neis la fakton, nek povus tion fari, sed li kontestis, ke li iniciatis aŭ inspiris la krimon. Iu, kiun li ne menciis, sugestis la manieron provizi urĝan neceson; sed Dio, kiu vidas la korojn, donos al la vera krimulo la meritan punon. Tion li diris sen emfazo, malgaje, mallaŭte, kun senesprimaj okuloj, tiel pala, ke li vekis kompaton; la publika prokuroro trovis ĝuste en tiu koloro la konfeson pri la krimo. Male, la defendisto argumentis, ke la malviglo kaj palo signifas lamenton de kalumniata senkulpeco.




Malofte mi spektis tiel brilan debaton. La prokurora parolado estis konciza, sed potenca, indigna, kun tono, kiu ŝajnis malama, sed ne estis. La defendo, krom la talento de la advokato, profitis la cirkonstancon, ke li debutas ĉe tribuno. Parencoj, kolegoj kaj amikoj atendis la unuan paroladon de la junulo, kaj ili ne elreviĝis pro la atendo. La parolado estis admirinda, kaj ĝi savus la akuzaton, se li estus savebla, sed la krimo kristalklaris. La advokato mortis post du jaroj, en 1865. Kiu scias, kio kun li pereis!? Kredu min, kiam mi sciiĝis pri la morto de talenta junulo, mi pli bedaŭras ol kiam mortas maljunulo... Sed ni revenu al mia rakonto. Kontestis la prokuroro kaj rekontestis la defendisto. La tribunal-

1 Machado de Assis publikigis 207 rakontojn, kies plimulto unue aperis en ĵurnaloj aŭ revuoj. El ili 76 eldoniĝis libroforme, ordinare post revizio. Tamen la rakonto "Suje-se gordo!" ("Makulu vin dike!") aperis unue en la lasta volumo de rakontoj organizita de Machado, nome, "Relíquias de casa velha" ("Relikvoj el malnova domo"), kiun en 1906 publikigis Eldonejo H. Garnier, en Rio. La jena traduko baziĝas sur la kritika kolekto organizita de la *Brazila Ministerio pri Edukado kaj Kulturo* kaj publikigita en 1975 de *Eldonejo Civilização Brasileira*, en Rio. (FW)

2 Katolika sanktulo, naskita en Alkantaro, Hispanujo. La tiama nomo de la teatro omaĝas kaj la sanktulon kaj la unuan brazilan imperiestron Petron la Unuan. Ĝia nomo ŝanĝiĝis al João Caetano en 1923. Ĝi situas en la centra kvartalo de Rio. (FW)

3 Verŝajne elpensita titolo. (FW)

4 Evangelio laŭ Sankta Mateo, 7:1. (FW)

5 Ĉiuj lokoj situas en la centra kvartalo de Rio. La Arestejo ne plu ekzistas. La Strato de l' Oraĵistoj nun estas nomata Miguel Couto. (FW)

prezidanto resumis la debaton kaj, post lego de la demandoj, ili estis transdonitaj al mi, la ĵuriprezidanto.

Mi ne rakontos, kio okazis en la nepublika ĉambro; krom la sekreteco de ĉio en ĝi okazinta, ĝi ne rilatas al la specifa epizodo, pri kiu pli konvenus same silenti, mi konfesas. Mi rakontos rapide, ĉar ja la tria akto baldaŭas.

Unu el la ĵurianoj, dika kaj ruĝhara, ŝajnis pli konvinkita ol ĉiuj aliaj pri la krimo kaj la krimulo. La proceso estis ekzamenita, la demandoj legitaj kaj la respondoj donitaj (dek unu voĉdonoj kontraŭ unu); nur la ruĝhara ĵuriano maltrankvilis. Fine, ĉar la voĉdonoj neprigis la kondamnon, li kontentiĝis kaj diris, ke estus elmontro de malforto, aŭ io pli malnobla, se oni absolvus lin. Unu el la ĵurianoj, certe tiu, kiu voĉdonis por la absolvo, diris kelkajn vortojn defendante la junulon. La ruĝharulo — li nomiĝis Lopes — replikis kolere:

— Kiel, sinjoro? La krimo de la akuzato estas pruvita supermezure.

— Ni ĉesigu la debaton. — Mi diris, kaj ĉiuj akordis kun mi.

— Mi ne debatas, mi defendas mian voĉdonon, daŭrigis Lopes. La krimo estas pruvita supermezure. La ulo neas, ĉar ĉiu akuzato neas, sed li ja plenumis la falson, kaj kian falson! Ĉion pro bagatelo, ducent mil rejsoj! Makulu vin dike! Ĉu vi volas makuli vin? Makulu vin dike!

"Makulu vin dike!" Mi konfesas, ke mi gapis, ne ĉar mi komprenis la frazon, tute male; mi nek komprenis ĝin nek trovis ĝin pura, kaj ĝuste tial mi gapis. Fine mi ekpaŝis kaj frapis la pordon, oni ĝin malfermis, mi iris al la tablo de la juĝisto, transdonis la respondojn de la ĵurio kaj la akuzato estis kondamnita. La advokato apelaciis; ĉu la sentenco konfirmiĝis ĉu la apelacio akceptiĝis, mi ne scias; mi ne plu zorgis pri la afero.

Elirinte el la tribunalo, mi paŝadis pripensante la frazon de Lopes, kaj ŝajnis, ke mi ĝin komprenas. "Makulu vin dike!" estis kvazaŭ li dirus, ke la kondamnito estas pli ol ŝtelisto, li estas malŝatinda ŝtelisto, bagatela ŝtelisto. Mi trovis tiun klarigon ĉe la angulo de la Strato de Sankta Petro [6]; mi ankoraŭ laŭiradis la Straton de l' Oraĵistoj. Mi eĉ iom retroiris, celante trovi Lopes por premi lian manon; eĉ ombro de Lopes ne restis. La sekvan tagon, legante en ĵurnaloj niajn nomojn, mi trovis lian kompletan nomon; ne penindis kontakti lin, nek mi parkerigis ĝin. Tiaj estas la paĝoj de vivo, kiel kutimis diri mia filo, kiam li versis, kaj li aldonis, ke la paĝoj turniĝas unuj super la aliaj, forgesitaj kiam apenaŭ legitaj. Tiel ĝi rimis, sed mi ne memoras la versformon.

Proze li diris, longe poste, ke mi devas ne foresti el ĵurio, al kiu mi ĵus estis asignita. Mi respondis, ke mi ne prezentos min, kaj citis la evangelian ordonon; li insistis, dirante, ke tio estas civitana devo, senpaga servo, kiun neniu estiminda persono povus rifuzi al sia lando. Mi iris kaj juĝis tri procesojn.

Unu el ili koncernis oficiston de la Banko de Honesta Laboro [7], la kasiston, akuzatan pri alproprigo de mono. Mi aŭdis komentojn pri la kazo, kiun ĵurnaloj raportis sen profundaj detaloj, kaj cetere mi malofte legis krimnovaĵojn. La akuzato sin prezentis kaj sidiĝis sur la fama benko de juĝatoj. Li estis maldika kaj ruĝhara viro. Mi rigardis lin atente, kaj ektremis; ŝajnis al mi, ke mi vidas mian kolegon ĉe tiu juĝo de antaŭ pluraj jaroj. Mi ne sukcesus rekoni lin tuj, ĉar nun li estis pli maldika, sed temis pri la sama koloro de hararo kaj barbo, la sama mieno, kaj fine la sama voĉo kaj la sama nomo: Lopes.

— Kiu estas via nomo? — Demandis la prezidanto.

— Antônio do Carmo Ribeiro Lopes.

Mi jam estis forgesinta la tri unuajn nomojn, la kvara estis la sama, kaj la ceteraj signoj konfirmis la nebulan rememoron; mi baldaŭ rekonis la precizan personon de tiu fora tago. Mi konfesas, ke ĉiuj ĉi cirkonstancoj malhelpis min atente sekvi la pridemandadon, kaj multajn aferojn mi preteratentis. Kiam mi decidis aŭskulti lin detale, li preskaŭ atingis la finon. Lopes firme neis ĉion demanditan, aŭ respondis tiamaniere, ke li malhelpis la proceson. Li cirkuligis la okulojn sen timo aŭ maltrankvilo; eble eĉ kun ombro de rideto ĉe la buŝanguloj.

6 Nun ĝi estas parto de la larĝa avenuo Getúlio Vargas. (FW)

7 Elpensita, ironia nomo. (FW)

Oni sekve legis la proceson. Temis pri dokumentfalso kaj alproprigo de cent dek milionoj da rejsoj. Mi ne malkaŝos al vi, kiel oni eltrovis la krimon kaj la krimulon, ĉar jam malfruas; la orkestro agordas la instrumentojn. Sed mi asertas al vi tutcerte, ke tre impresis min la legado de la aktoj, la pridemando, la dokumentoj, la fuĝprovo de la kasisto kaj amaso da pligravigaj cirkonstancoj; fine la deklaroj de la atestantoj. Mi aŭskultis la legon kaj parolon kaj rigardis Lopes. Ankaŭ li aŭskultis, sed kun la vizaĝo suprenklinita, rigardante la notiston kaj la prezidanton, la plafonon kaj la homojn, kiuj juĝos lin; inter ili estis mi. Rigardante li ne rekonis min; li okuladis min dum kelka tempo kaj ridetis, samkiel al la aliaj.

Ĉiuj ĉi gestoj liaj utilis al la akuzo kaj al la defendo, samkiel utilis, antaŭe, la malaj gestoj de la alia akuzato. La prokuroro trovis en ili klaran malkaŝon de ciniko, la advokato montris, ke nur senkulpeco kaj certeco pri absolvo povus alporti tian serenon.

Dum la du oratoroj parolis, mi konsideris la fatalon de la ĉeesto, sur la sama benko, kie sidis la aliulo, de tiu ĉi homo, kiu voĉdonis por kondamni lin, kaj nature mi ripetis al mi la evangelian tekston: "Ne juĝu, por ke vi ne estu juĝataj". Mi konfesas, ke pli ol unu fojon mi sentis min senkompata. Ne ĉar mi mem alproprigus ajnan monon, sed eble, okaze de kolero, mi mortigus iun aŭ estus kalumniita. Tiu, kiu juĝis antaŭe, nun estas juĝata.

Krom la biblia frazo mi subite rememoris tiun de Lopes mem: "Makulu vin dike!" Vi ne povus imagi la agiton kaŭzitan de tiu ĉi rememoro. Mi prezentis al mi ĉion, kion mi rakontis nun, la paroladaĉon, kiun mi aŭdis de li en la nepublika ĉambro, kun la finaj vortoj: "Makulu vin dike!" Mi ekkomprenis, ke li ne estas malŝatinda ŝtelisto, bagatela ŝtelisto, sed altvalora. La verbo difinis rigore la agon. "Makulu vin dike!" Ĝi signifas, ke homo ne lasu sin peli al tiaspeca ago se maldikas la monsumo. Neniu devus makuli sin pro kvar groŝoj. Ĉu vi volas makuli vin? Makulu vin dike!

Ideoj kaj vortoj ruliĝadis tiamaniere en mia kapo, sen ke mi rimarkus la resumon de la debato, kiun faras la prezidanto. Li estis fininta, legis la demandojn, kaj ni enfermiĝis en la nepublikan ĉambron. Mi povas diri private, ke tiel certa ŝajnis al mi la ŝtelo de la cent dek milionoj, ke mi voĉdonis jese. Troviĝis, inter aliaj dokumentoj, letero de Lopes, kiu evidentigis la krimon. Sed laŭŝajne ne ĉiuj interpretis ĝin miamaniere. Voĉdonis kun mi du ĵurianoj. Naŭ neis la krimecon de Lopes, oni protokolis kaj legis la sentencon, kaj la akuzito eliris libera. La diferenco inter voĉnombroj estis tiel granda, ke mi eĉ dubis, ĉu mi ĝuste decidis. Eble ne. Eĉ nun mi sentas kelkajn konscienco-riproĉojn. Bonŝance, se Lopes ja ne krimis, li ne kondamniĝis pro mia voĉdono, kaj tiu ĉi konsidero fine konsolas min pri la eraro, sed la riproĉoj revenas. Plej bone estas juĝi neniun por ne esti juĝata. Makulu vin dike! Makulu vin maldike! Makulu vin laŭ via bontrovo! Plej sekure estas juĝi neniun... Finiĝis la muziko, ni reiru al niaj seĝoj. Ω



www.lakaravelo.com





***Nikolaj NEĈAEV***

**Interna Ideo**

Interna Ideo ne povos perei,
Interna Ideo eternas en jun'.
La koro poeta ne povos kabei
Ĉar nia Ideo plej belos sub sun'. Ω

**Vivu toleremo**

Mi abomenas
Maltoleremon.
L' hom' fenomenas,
Emas ekstremon.
Monde malsamas
Vivmanieroj.
Iujn malamas
Pro malpreferoj.
Kiam buĉado
Morten nin pelas,
Regas degrado,
L' koroj kruelas.
Se toleremo
Venos al tero,
Mankos l' problemo,
Mortos sufero. Ω



**Komplimento**

Kompliment' ne ĉiam pravas,
Ĝi sukcesojn hiperbolas,
Sed el krizo homon savas.
Li konkludas: "Mi ne solas."

Komplimento forton donas
Por laboro, krea flamo.
Komplimento ĉiĉeronas
El blokad' al monda famo. Ω

**Verda Popolo**

Mi estas ero
De la popol'
Kaj ĝia ĝojo,
Kaj ĝia glor'
Min feliĉigas
Per sia bol',
Per am' al homoj,
Per la majhor'.

En rond' amika,
Ĉe lignoflam'
Mi ĉiam pensas
Kun ĝojfier',
Mi ĉiam pensas
Kun frata am':
''Mi estas ero,
La popol-er'.'' Ω

**www.lakaravelo.com**





# Kanto de botelŝtopilo

**Luiza CAROL**

*"La animo naskiĝas en la ŝtono,
dormas en la vegetaĵo,
agitiĝas en la besto
kaj vekiĝas en la homo."*
***Léon DENIS***



Korkarb' de Alenteĝo,
reĝo
de miaj sonĝoj estu!
Festu
kun mi la ĝojan tagon
kiam oni deprenis de vi korkaĵon
kaj vian malnovan aĝon.
Ĝuu la teron
de via longa ripozo.
Ĝuu la misteron
de tia longa metamorfozo
de pluv' en kanton,
de kant' en tempon,
de temp' en korkon,
de kork' en botelŝtopiletojn
aŭ vojaĝantajn botelpoemetojn
pri Estremozo. Ω

**Noto:** Estremozo (portugale: Estremoz) : urbo en la portugala regiono Alenteĝo (portugale: Alentejo), kie troviĝas la esperantista centro "La Karavelo".







***João José SANTOS***

## Infanaĝa karambolado

Karambolis problemoj miajn aĝojn:
Infanece jam estis mi matura,
Viro trista en juna menso pura,
vivis mi elpensante solvajn saĝojn.

Du kunulojn mi havis tre fidelajn:
miajn tristojn mi kaŝis miendolĉe,
miajn frustrojn el valo kaj pertorĉe
mi baraktis strebante celojn helajn.

Mi formiĝis el am', stud' kaj laboro,
kaj en luktoj hardiĝis mia koro.
Tial ĝi ŝtale vibras krevminace...

Io mankis, sed ve mi ne atentis.
Eble la propra vivo... ĝi silentis.
Infanaĝo ja bonas... sed enpace... Ω

## Fenikso

Kiam mia korpo mortos,
kiam mi animo flugos,
malfunebru mian korpon,
ĝoju pro animo mia.

Cindroj ĝi estiĝos foren,
rozojn ĝi skarlatajn nutros,
en la flaŭron ĝi nuliĝos,
laŭ misteraj diaj cikloj.

Tiam mi forestos hejme,
en kristala roza domo,
kie verkos mi poemon
pri feniksa rehomiĝo. Ω





***João José SANTOS***



## Katonoj [1] kaj bananoj

!!! Ĉiuj movadoj katonojn enhavas !!!
!!! Ĉiuj movadoj katonojn aplaŭdas !!!
!!! Ĉiuj katonoj movadojn plenrajtas !!!

Devizo de
"**K**atona **U**nuiĝo
por **S**ensuka **E**speranto-**N**askiĝo" - K.U.S.E.N.O.

Ho katonoj de esperantio!!! MI VIN SALUTAS!!!

Vivu, vivu, vivu! Vivu vi, katono!

Katono!
Vi estas granda... kiel banano;
vi ridas flave... kiel banano;
vi dandas dike... kiel banano;
kaj ĉe la momento agi... vi estas molaĉa... kiel banano.

Vivu, vivu, vivu! Vivu vi, katono!

Vi umas,
vi plaĉiĝas,
vi enŝteliĝas,

strebanta aplaŭdojn...

Plaŭ... plaŭ... plaŭ... plaŭ... plaŭ...

!!! NE SUFIĈAS !!!

plaŭ.. plaŭ... plaŭ... plaŭ... plaŭ...

Vivu, vivu, vivu! Vivu vi, katono!

Ĉe la momento agi... vi moooOOOOOooolas;
ĉe la ago kunlabori... vi klaaaAAAAAaaaĉas;
ĉe la momento verki... vi neeeEEEEEeee boras;
ĉe la momento ŝpruci...
vi... vi... vi... aj... oj... uj... ve... vi rezignas...

Vivu, vivu, vivu! Vivu vi, katono!

Ho bananaj katonoj! Ho katonaj bananoj!
La dioj faris vin molaj
por ke virviroj havu utilon. [2] Ω



1 Katono La Maljuna (Romo, 234-149 a.K.), simbolo de obstina fundamenteco.

2 Samaŭtore, samstile kaj samcele, legu la poemon *Kontraŭpova toreado kvazaŭ futurisme* en La Karavelo n-ro 3. Ĉu vi legis la ĉeartikolon de La Karavelo n-ro 14? Ĝi temas pri *Prezidantoj, estraranoj kaj doktoroj.*





*Djalma PESSATA*

# UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

# 1910

## 6-a Universala Kongreso de Esperanto



**Loko:** Vaŝingtono, Usono

**Dato:** 15-a ĝis 20-a de Aŭgusto

**Aliĝintoj:** 357

En la foto maldekstre, Zamenhof inter la organizintoj de la 6-a Universala Kongreso de Esperanto, la unua en Ameriko. Estis nur 357 partoprenantoj, ĉar la plejmulto da esperantistoj estis en Eŭropo.
Enkadre de la kongreso okazis la unua kunveno de la "Universala Ligo".

### João Batista de Melo e Sousa kaj la vorto "Sopiro"

Zamenhof kreis la vorton "sopiro" (sopirado, resopiro, saŭdado) en la internacia lingvo pro sugesto de la brazilano João Batista de Melo Sousa. Li estis profesoro pri Historio ĉe Lernejo Pedro II, kie li instruis Esperanton. En 1910, João estis ĝenerala sekretario de Brazila Ligo Esperantista kaj reprezentis la registaron ĉe la 6-a UK, kie li ricevis la unuan premion en poezia konkurso. Interesa informo: João Batista de Melo e Sousa estis frato de la fama verkisto Malba Tahan, kiu ankaŭ interesiĝis pri Esperanto.

### Kiel plaĉas al vi

La plej grava teatraĵo prezentita en la 6-a UK estis "Kiel plaĉas al vi" (foto dekstre), laŭ la angla "As You Like It", komedio en kvin aktoj, de William Shakespeare, tradukita de la usona esperantistino, d-ino Ivy Kellerman Reed. Profesiaj aktoroj prezentis ĝin en la 6-a Universala Kongreso de Esperanto, en la ĝardeno de "Bristol School", sed bedaŭrinde ili estis lingve ne sufiĉe lertaj.











Maldekstre, Zamenhof kaj Klara vizitis la tombon de George Washington. Supre, la salono por prezentadoj en la 6-a UK. Dekstre, poŝtmarko pri la kongreso de 1910.

### Dek Tagoj de Kapitano Postnikov




Tiu libro estas historia romano pri eventoj en Rusia Esperantujo antaŭ cento da jaroj. Mikaelo Bronŝtejn skribis ĝin en 2004. Estas paralele priskribitaj agado de ruslandaj Esperanto-aktivuloj en 1909–1911, kreo de Ruslanda Esperantista Ligo, okazigo de la unua tutlanda kongreso kaj ŝipvojaĝo de eŭropaj esperantistoj al la UK en Usono (1910). En tiu vojaĝo estis la geedzoj Zamenhof kaj Aleksandro Postnikov, kiu gvidis la rusan E-movadon kaj estis ankaŭ oficiala reprezentanto de la Ruslanda Ministerio de Komerco kaj Industrio en la 6-a UK. Dum la vojaĝo per la ŝipo "George Washington", Zamenhof kaj Postnikov interŝangis ideojn pri Esperanto, ĝiaj esenco kaj estonteco. En la naŭa tago de la libro tiuj interparoloj aperigis la esprimon "Esperantista Civito".

### Pri la 6-a UK, ĉu vi jam sciis, ke...

► Marie Hankel (1844-1929) pledis por la balotrajto por virinoj? Marie Hankel estis poetino, feministino kaj 61-jara lernis Esperanton.

► Zamenhof diris la jenan frazon: "La intergenta diseco kaj malamo plene malaperos en la homaro nur tiam, kiam la tuta homaro havos unu lingvon kaj unu religion" (Vaŝingtono, 15-an de aŭgusto 1910).



► Inter la 357 partoprenantoj en la kongreso de 1910, estis 60 anoj el Eŭropo.

►Claudius Colas (foto dekstre) estis kunfondinto de IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) kaj reprezentis la institucion en la 6-a UK, en 1910. En tiu sama jaro, Colas esti la ĉefa organizinto de la unua kongreso de IKUE, en Parizo.

► Prezidis ĝin John Barret. John estis direktoro ĝenerala de Panamerika Unuiĝo (1907-1920) kaj prezidanto de EANA (1910-1912), Esperanto Association of North America.



# Trapasante la Taĵon...



*Okaze de vizito de la LK-redaktisto al la kunlaboranto Eduardo Novembro, eltaĵiĝis ĉi tiuj fotoj. Antaŭ malpli ol 50 jaroj videblis delfenoj, inter aliaj belaj bestoj, en la Taĵo. Nuntempe, ne plu. La poluo de homamasa vivo iom post iom malaperigas la faŭnan riĉecon de tiu belega rivero. Certe iom da beleco postrestas.* Ω

*João José SANTOS*
tekstoj kaj fotoj



*Kristo Reĝo fronte fotita de Lisbono.*



*Kristo Reĝo malantaŭe fotita de Almado.*



*Lanta pramo.*



*Rapida pramo.*



*Ambaŭ pramtipoj.*



*Placo Komerco kun ties flavaj ŝtataj konstruaĵoj.*